# Esperanto en Azio

(Komisiono de UEA pri Azia Esperanto-Movado)


N-ro 59

Bulteno de KAEM

Aprilo 2008


---

# La 5a Azia Kongreso Sukcesis en Barato



# Saluto de la eksa prezidanto de KAEM

**Hori Jasuo**

(en la Inaŭguro, la 12an de februaro 2008)



Estas mia granda plezuro renkonti vin el diversaj landoj ne nur en Azio sed ankaŭ el ĉiuj mondpartoj.

Komence de mia parolo, unue mi dankas al ĉiuj gravaj kaj eminentaj homoj barataj, kiuj venis ĉi tien por honorigi la 5an Azian Kongreson. Kaj due mi dankas al LKK-anoj, kiuj aranĝis ĉi tiun belan kongreson dum la pasintaj du jaroj, kaj laste mi dankas al ĉiuj kongresanoj, kiuj venis ĉi tien longan vojon por realigi pacon kaj amikecon.

Starante ĉi tie mi rememoras forpasintajn karajn geesperantistojn, kiuj sidus en la partero. S-ino Sugihara Saĉiko (KN12) jam frue aliĝis al la kongreso, sed lastan aŭtunon forpasis. F-ino Apsana Giri, partopreninto de Jokohama-UK, poste iris al Usono por studi, sed forpasis la 2an de januaro en aŭtomobila akcidento. Vi certe havas aliajn karajn forpasintojn en via koro. Ni kune preĝu por iliaj pacaj vivoj en la ĉielo.

Ĉi-jara kongreso en Barato estas tre signifoplena, ĉar tiu ĉi jaro estas la Internacia Jaro de Lingvoj, kaj la temo de nia Jubilea Kongreso en Roterdamo, kiu tekstas "Lingvoj, trezoro de la homaro". Mi scias, ke en la mondo ekzistas kelkmil lingvoj kaj ĉiun jaron multaj lingvoj malaperas, formanĝite de pli fortaj lingvoj. En Barato ekzistas pli ol 1500 lingvoj, kaj multaj homoj suferas pro la lingvaj problemoj kaj lingvaj malegaleco. La kongresa temo de tiu ĉi kongreso "Esperanto en Multlingva Azio" spegulas tian lingvan situacion en Barato kaj en Azio.

Dum multaj jaroj multaj aziaj landoj estis kolonioj kaj poste domaĝe inter azianoj okazis bataloj kaj militoj, kaj eĉ post la dua mondmilito paco ne tuj venis en Azio. Multajn jarojn azianoj diverskiale suferis ĝis la 1990-aj jaroj. Nia organo "Esperanto en Azio" ekeldoniĝis en majo 1990

ĝuste fine de la malvarma milito, kaj nia movado komenciĝis, kaj ĝia progreso estis rimarkinda. En 1994 fondiĝis Komisiono de UEA pri Azia Esperanto-Movado (KAEM), kaj en 1996 okazis la unua Azia Kongreso en Ĉinio, kaj poste en 1999 la dua AK en Vjetnamio, en 2002 la tria AK en Koreio, kaj en 2005 la 4a AK en Nepalo, kaj nun ni inaŭguras la Malfermon de la 5a Azia Kongreso en tiu glora lando Barato.

Dum tiuj pasintaj jaroj konstante kreskas solidareco inter aziaj esperantistoj. Dank' al la kongresoj kaj konstante eldonataj organoj, ni rimarkis, ke ni ne agadas solaj, ni ne estas izolitaj, ni estas inter Esperantistaro samidea, pacama, amika, interkomprena, kaj tia sento des pli grandigas nian movadon.

Hodiaŭ ni povas rekte vidi vizaĝojn de la partoprenantoj, ni povas rekte alparoli, babili kun ridoj kaj interŝanĝi opiniojn kaj sentojn, ni povas brakumi, manpremi kaj ami. Nia kongreso devas esti tia kaj tion ni povas fari hodiaŭ.

La unuaj tri kongresoj okazis en oriento de Azia Kontinento, sed la lasta kaj ĉi-foja okazis/as en la mez-suda Azio. Federacio Esperanto de Barato jam fondiĝis en 1982 kaj ĝi aliĝis al UEA en 1996, tamen ĝia movado ne estas sufiĉe granda kompare kun la skalo de la lando kaj la loĝantaro. Tiu ĉi kongreso estu ŝanco por la plivastigo de Esperanto en tiu ĉi mondparto, kaj sekve nia movado iru pli okcidenten, pli norden kaj pli suden, tiel ke nia movado kovru la tutan Azion per la dika verda vualo de Esperanto.

De niaj manpremoj, de niaj babiladoj, de niaj kisoj disvastiĝos nia movado. Ĝuu la kongreson, kaj tio donu pli da forto al ni.

..............................................................................

**Foto en la unua paĝo**: Inaŭguro. Salutas s-ro Hori Jasuo (eksa prezidanto de KAEM, Japanio). De maldekstre s-ro SHUKUROV Firdaus (Taĝikio), s-ino Indu TAPALIYA (Nepalo), s-ro TRAN Quan Ngoc (Vjetnamio), s-ro LEE Jung-kee (Koreio), s-ro WANG Ruixiang (Ĉinio), s-ro Abdul Salam (Barato) kaj Probal Daŝgupta (Barato, UEA-prezidanto)

# Nenio estas pli internacia ol Esperanto

(el la saluto de s-ro Muhammad Mahbubul Huq en la Fermo)

La 11an-la 15an de februaro 2008 en Bengaluro, Barato, okazis la 5a Azia Esperanto-Kongreso tre sukcese kun la temo “Esperanto en multlingva Azio”:

## Partoprenis el la plej diversaj landoj

La plej granda Azia Kongreso (en Ĉinio en 1996) konsistis el 585 aliĝintoj el 18 landoj, do tiu ĉi Kongreso ne estis tiel granda kiel ĝi, ĉar la nombro de la aliĝintoj estis nur 254 kaj tiu de la partoprenantoj estis 178. Sed tiuj partoprenantoj venis el 29 landoj, el kiuj 13 estis el Azio kaj 16 estis el ekster Azio. En la antaŭaj AK-oj, eble azianoj venis nur el Ĉinio, Japanio, Koreio kaj malmulte da aliaj landoj, sed en tiu ĉi Kongreso partoprenantoj venis el jenaj landoj: Bangladeŝo, Barato, Ĉinio, Irano, Israelo, Japanio, Koreio, Mongolio, Nepalo, Pakistano, Srilanko, Taĝikio, Vjentamio, nome preskaŭ el ĉiuj landoj, kie ekzistas Esperanto-movado.

La plej multe aliĝis el Japanio (86), tamen ankaŭ multe (21 homoj) ne venis. Ĉu tio signifas la maljuniĝantan/intan japanan Esperanto-movadon? El Barato 35 aliĝis, sed tre bedaŭrinde nur malmultaj barataj junuloj estis en la kongresejo. Kie estas barataj junuloj? La kongreso estas la plej bona loko por sperti vivantan Esperanton, tamen la barata movado ne sukcesis doni tian ŝancon al gejunuloj. Male el Nepalo 28 aliĝis, kaj ili tre energie kaj june laboris kaj agadis en la kongresejo. Jam tradiciaj Internaciaj Himalajaj Renkontiĝoj kaj la 4a Azia Kongreso en 2005 antaŭenpuŝis la movadon. El Ĉinio 16 kaj el Pakistano 10 aliĝis, sed pro vizo-problemo duono el Ĉinio kaj neniu el Pakistano (krom unu loĝanta en Kanado) venis. LKK klopodis pri la vizo, sed tre bedaŭrinde tio ne efikis. Oni ne rajtas malhelpi pacamajn homojn agi por paco, sed la realo tion ne permesis. El ekster Azio venis 33 homoj. Tio estis mirinda. Dank’ al iliaj partoprenoj la kongreso estis tiel internacia kiel eta UK.

## Interamikiĝo laŭ la "barata tempo"

La kongresejo estis Kunvena Centro de Nacia Instituto pri Mensa Sano kaj Neŭra Scienco. La haloj estis tre taŭgaj por nia kunveno kaj krome la koridoroj kaj spaco ekster la haloj estis tiel larĝaj, ke ni povis libere uzi tiujn kiel budejojn kaj eĉ kunvenejojn. Ĉiuj rajtis ĝui la bankedon, tagmanĝi kune kaj teumi dufoje po 30 minutojn. Dank' al la spaco kaj la libera tempo ni povis multe amikiĝi unuj kun la aliaj laŭ la barata tempo.

Nacia Vespero konsistis el belegaj tradiciaj dancoj fare de profesiaj dancistoj, kaj la Internacia Arta Vespero el amatoraj kantoj, muzikoj, dancoj kaj aŭkcio fare de la partoprenantoj.



Okazis diversaj fakkunsidoj, de la fakaj, konversaciaj, artaj, politikaj, edukaj, lingvistikaj ĝis KAEM-aj (resume: 3 plenaj sesioj kaj 30 paralelaj sesioj, entute 33 kunsidoj). En la koridoro partoprenantoj ĝuis japanajn paperfaldarton, kaligrafion, abakon kaj surpoŝtkartan desegnadon.

La Inaŭguron prezidis s-ro Hori Jasuo, sed la Fermon s-ro LEE Jung-kee, ĉar dum la kongreso elektiĝis nova prezidanto kaj novaj komisionanoj pri Azia Esperanto-Movado (KAEM). En la Fermo mongola reprezentanto s-ro Enkhee Chimedtseren invitis la kongresanojn al la 6a AK okazonta en junio 2010 en Mongolio, kaj la nova prezidanto s-ro LEE laŭtvoĉe adresis sian laborplanon kaj deklaris la fermon de la kongreso. Post la fermo atendis nin gajaj knaboj, kiuj dancis kaj gimnastikis grupe en koloraj kostumoj, kaj pli poste ni fotis la komunan memoran foton.

De la 16a ĝis la 22a okazis du postkongresoj: unu en nordo al Taĝ-mahalo kaj unu en sudo tra Majsoro al Karvar- kaj Devbag-insuloj.

# Festa etoso en Barato (LKK-raporto)

**Ranganayakulu**
kunordiganto de la 5-a Azia Kongreso de Esperanto

## Unuafoje flugis 120 esperantistoj al Barato



La jaro 2007 komencis verŝi bonfarton je barata Esperanto-movado. En 2007, barata esperantisto Probal Dasgupta fariĝis la prezidanto de Universala Esperanto-Asocio kaj en 2008 la Federacio Esperanto de Barato (FEB) gastigos la 5-an Azian Kongreson de Esperanto.

FEB bonvenigis la 5an AK-on al la ĝardenurbo Bengaluro en Karnataka-gubernio de Barato. La kongreso okazis inter la 11-a kaj 15-a de februaro 2008. Antaŭa Azia Kongreso okazis en la najbara lando Nepalo. Antaŭ dudek jaroj la etoso en barata Esperanto-movado ne povis havi planon kaj esperon gastigi internaciskalan kongreson. Feliĉe la tempoj ŝanĝiĝis. Al Barato unuafoje flugis pli ol cent dudek esperantistoj el diversaj aziaj kaj eksteraziaj landoj. Estas festa etoso.

FEB proponis gastigi la Azian Kongreson eĉ en 1998. Post dek jaroj, en 2008, tio realiĝis. La LKK fakte estis RKK (regiona kongresa komitato), ĉar la prezidanto de LKK sidas en Puneo, kaj la kunordiganto de la kongreso en Tirupatio! Tamen dank' al la glataj komunikadoj la kongreso okazis fruktodone.

Kiel antaŭvidite, japanoj superis la nombron. El 86 aliĝintoj el Japanio, 65 partoprenis. Sekvis Barato kaj Nepalo en la nombro de partoprenantoj. Kial FEB elektis Bengaluron? Bengaluro estas bone konata urbo en Esperantujo. Tie Esperanta aktivado okazadis ekde la jaroj de Haudebine antaŭ 4 jardekoj. Ges-roj Nath kaj Saranath instruadis Esperanton en tiu urbo. La Bengalura Esperanto-Centro, kiu agadas ekde 1989 propagandas

Esperanton. Joakimo Verdeno el Pollando instruis Esperanton en someraj kursoj, kiujn gvidis d-ro Ranga, post Joakimo. Plie, Bengaluro, pro la alteco de la marnivelo (mil metroj), havas mildan klimaton kaj amikeman popolon. La nura ĝeniga fakto estas la trafiko kaj aŭtomobila poluo. Transiri la straton estis aventuro al japanoj!

LKK elektis tri hotelojn proksime de la kongresejo. La kongresejo (NIMHANS Convention Centre) mem estas eleganta, vasta, verda kaj bela. Nimhans estas la plej granda neŭrologia centro en Barato. La temo de la kongreso estis "Esperanto en multlingva Azio". La brila punkto estas tiu, ke unuafoje esperantistoj el Srilanko, Barato, Nepalo, Bangladeŝo, Irano kaj aliaj landoj renkontis unu la alian.

La organizantoj havis sufiĉe da problemoj inviti esperantistojn el Ĉinio, Srilanko, Pakistano kaj Bangladeŝo. Niaj persvado kaj penoj ĉe la registaro ne povis helpi pakistanajn esperantistojn akiri vizojn. Tio malfeliĉigis nin. Sed la Barata registaro konsentis kaj eldonis specialan poŝt-koverton okaze de la kongreso.




D-ro Radhakrishna, erudiciulo en Karnatako, kiu malfermis la kongreson, vidis Esperanton kiel forta popola ilo por konstrui plibonan mondon. D-ro Probal Dasgupta, prezidanto de UEA, rimarkis, ke ĉi tie unu lando ne renkontas alian sed unu homo al alia homo. D-ro Abdul Salam, prezidanto de FEB kaj LKK, prilumis la historion de Esperanto-movado en

Barato. Li speciale aludis servojn de d-ro Ranga, kiu antaŭ 26 jaroj organizis la unuan tutlandan kongreson en Barato kaj nun aktive rolas en la Unua Azinivela Kongreso en Barato.

La sesioj funde traktis la temon. Ni estas en ŝanĝiĝantaj tempoj kaj oni antaŭvidis plibonan rolon de Esperanto inter esperantistoj en Azio. FEB kaptis la okazon enkonduki kelkajn barataĵojn, ekz. sesiojn pri barataj manĝoj, vestoj, kulturo ktp. La ekspozicio estis nostalgia. Ĝi montris kelkajn malnovajn fotojn de Esperanto-movado en Aziaj landoj. En unu sesio aperis nova Esperanta lernilo de Barata esperantisto Syamsundar Pal, "Esperanto at Ease".




## Kelkaj punktoj menciindaj

1. La kongreso estis unika, ĉar ĉiu delegito rajtis partopreni la bankedon sen plia pago.
2. La kongresanoj havis senpagajn lunĉojn kaj du tepaŭzojn (kun teo) dum la kongreso.
3. Plejmulto de kongresanoj estis akceptitaj en la flughaveno kaj la stacidomo. Kelkaj kongresanoj, kiuj alvenis ĝuste je la inaŭgura sesio, ne povis esti akceptitaj pro la manko de volontuloj.
4. La kongresanoj tranoktis en kvar diversaj hoteloj for de la kongresejo. La LKK aranĝis senpagan transporteblecon dum la kongreso.
5. La LKK speciale prizorgis la prezidanton de UEA kaj aranĝis aŭtomobilon dum la kongreso.
6. La kongresejo aranĝis la ekspozicion pri Esperanto kaj movado en Barato kaj Azio, kiun vizitis ĉirkaŭ 500 personoj.
7. La kulturaj programeroj estis speciala allogo al la delegitoj. Multaj kongresanoj ŝatis 'pupdancon' kaj *kamsali*-dancon de Karnatako.

8. La LKK aranĝis senpagan tranokton al 25 partoprenantoj el Nepalo, Srilanko, Taĝikio kaj Barato.
9. La LKK subtenis 50% de la pago al nepalaj partoprenantoj en la hoteloj dum la kongreso.
10. Ses nepalaj volontuloj kaj kvar barataj volontuloj estis subtenitaj entute partopreni la kongreson.
11. La amaskomunikiloj kaj en la kannada lingvo kaj en la angla ege pozitive raportis pri Esperanto. La plej vaste legata angla taĝĵurnalo "The Hindu" intervjuis multajn esperantistojn kaj aperigis tre favoran artikolon pri Esperanto.
12. La poŝta fako de la barata registaro eldonis specialan koverton, kunlabore kun la lokaj filatelistoj.
13. Amatora radio-stacio funkciis en la kongresejo dum la kongreso. Deko da anoj de Internacia Ligo de Esperantistaj Radioamantoj agnoskis tion.
14. Kvankam Bengaluro estas la plej multekosta urbo, ni povis elteni kaj eĉ havi iom da profito, pro la zorge kontrolitaj elspezoj.

**Mankoj:**

1. Malmulta nombro de barataj junuloj en la kongreso estas amara fakto, kiun elmontris s-ro Hori Jasuo. FEB nun ekagos multobligi la nombron de esperantistoj.
2. Unu el tri postkongresaj ekskursoj (al norda Barato) allogis kritikon. Ni strebos estonte plibonigi la servojn ĉi-rilate.
3. Duontaga ekskurso en la 13a de februaro ankaŭ ĝenis kelkajn esperantistojn. Mankis esperantistoj en la sesioj. Ni dependos estonte je plibonaj vojaĝagentejoj por tiaj servoj.

**Fotoj:**

Abundis fotoaparatoj ol okuloj mem! Do, vi povas kolekti kelkajn kaj mem aldoni al la artikolo. Alie mi petas nian amikon Giri elekti kaj sendi al vi kelkajn fotografojn de la kongreso.

# Protokolo de fermita kunsido de KAEM

(la 13an de februaro 2008 dum la 5a AK)

KAEM-kunsidoj okazis kun la ĉeesto de jenaj homoj:

**KAEM-anoj:**

s-ro HORI Jasuo (Japanio), s-ro LEE Jung-kee (Koreio),
s-ro WANG Ruixiang (Ĉinio), s-ino Indu TAPALIYA (Nepalo),
s-ro TRAN Quan Ngoc (Vjetnamio), s-ro Abdul SALAM (Barato),
s-ro Hamzeh SHAFIEE (Irano, anstataŭanto de s-ro Reza Torabi)

**Kunlaboranto de KAEM:** s-ino TAHIRA Masako

**Reprezentantoj de la landaj asocioj:**

s-ro U. Zeiter PERERA (Srilanko), s-ro PARK Wha-Chong (Koreio)
s-ro ENKHEE Chimedtseren (Mongolio), s-ro Bharat Ghimire (Nepalo)
s-ro SHUKUROV Firdaus (Taĝikio)
s-ro Muhammad Mahbubul HUQ (Bangladeŝo)

**Observanto:** s-ro Jacob Nordfalk (belgo loĝanta en Nepalo)

**(1) Elekto de novaj KAEM-anoj**

KAEM-anoj elektiĝis laŭ la rekomendo de la respektivaj landaj asocioj. (vidu la liston en la paĝo 31)

* Tiuj komisionanoj estis aprobitaj de la estraro de UEA poste, en marto.

*Pri Israelo: en la laborplano de 1990 Israelo estis membro de KAEM, sed poste laŭ la diskuto dum la UK en Vilno ĝi estis ekskludata. Lastatempe la aparteno de Israelo estis denove diskutata kaj oficiale Israelo deklaris sian volon membriĝi al KAEM. Estas klare, ke Israelo apartenas al Azio geografie kaj ĝi volas aparteni al KAEM, do KAEM ne havas rajton rifuzi ĝin kaj decidis akcepti ĝin.

**(2) Elekto de la nova prezidanto kaj divido de la taskoj**

Ni elektis s-ron LEE Jung-kee el Koreio kiel la novan prezidanton. Kaj poste ni dividis la taskojn (vidu la paĝon 31).

Jen kelkaj rimarkoj pri la tasko-dividoj:

*Pri prezidanto, vicprezidantoj, sekretario/kasisto: Por kovri la vastan Azion (kaj Ĉinion), ni elektis kvar gravpostenulojn dise el Azio.

*Pri sekretario kaj kasisto: Estis diskuto pri tio, ke unu homo devas ne kumuli tiujn du taskojn, sed nuntempe la du taskoj estas iom nebulaj, do unu homo kumulu, sed poste kiam estos necese dividi la taskojn, ni faru tion.

*Pri "Esperanto en Azio": Nun ni presas 500 ekzemplerojn kaj ekspedas 350 al aziaj esperantistoj kaj pli ol 100 al la mondonacintoj. Ĝin redaktas Hori, korektas Tahira, presas Isino (JEI) kaj ekspedas volontuloj. Tiujn taskojn daŭre plenumos la supraj homoj. Ni decidis eldoni ĝin kvarfoje anstataŭ trifoje: en januaro, aprilo, julio, oktobro.

*Pri Jarlibro de KAEM: en 2004 la unua eldono aperis kun diversaj informoj pri KAEM-movado kaj landaj asocioj. Ĉiun jaron ni eldonis la novan kun disdatiĝintaj informoj. Ni presas cent ekzemplerojn kaj disdonas tiujn al KAEM-anoj, UEA-estraranoj kaj landaj reprezentantoj ktp.

*Pri la gvidlibro: Tiu samtitola libro eldonita en 1995 laŭ la projekto de KAEM temis pri la situacio de Esperanto-movado en Azio, kaj en la antaŭaj kunsidoj ni decidis eldoni la libron, sed nun "Jarlibro de KAEM" kaj "Esperanto en Azio" regule eldoniĝas, kaj tiuj du enhavas similajn enhavojn de eldonota Gvidlibro, do ni juĝis, ke estas ne necese eldoni ĝin. Krome la kosto por presado kaj ekspedo estos granda, do anstataŭ tio ni pliriĉigu Jarlibron kaj eldonu "Esperanto en Azio" kvarfoje (ĝis nun trifoje).

**(3) Kongreslando de la 6a AK**

Nur Mongolio oficiale kandidatiĝis kiel la kongreslando de la 6a Azia Kongreso okazonta en 2010. Mongolio prezentis sian planon kaj kelkaj ĉeestantoj demandis pri la situacio kaj historio de la mongola movado. Poste ni voĉdonis kaj decidis la okazigon de la AK6 en Mongolio unuanime, kondiĉe ke Mongola Esperanto-Societo petu la membriĝon al UEA en 2008. La kongreso okazos en junio 2010.

**(4) Laŭjaraj Esperanto-aranĝoj en Azio**

2008: La 5a Azia Kongreso, Komuna Seminario (KS, Japanio)

Korea Kongreso (oktobro), Japana Kongreso (oktobro),
La 2a Mongola Kongreso (junio), Irana Kongreso (marto),
Vjetnama Kongreso (okt-nov), Nepala Kongreso (aŭgusto)

2009: Himalaja Renkontiĝo (Nepalo, februaro), Korea Kongreso, Japana Kongreso, KS

2010: La 6a AK (junio, Mongolio), Korea Kongreso, Japana Kongreso, KS, Ĉina Kongreso?

Ni agadu jene por tiuj eventoj:

1) Sendu informojn pri supre menciitaj internacia aŭ enlanda kongresoj al "Esperanto en Azio".

2) Laŭeble ni partoprenu aŭ partoprenigu aliajn en tiuj eventoj por ke nia kunlaboro pli fortiĝu.

3) Sendu mesaĝojn al la Esperanto-aranĝoj.

4) Sendu raportojn al "Esperanto en Azio".

**(5) Divido de Azio en kvar regionojn**

Azio estas tro vasta. Ni decidis dividi aziajn landojn en la subaj 4 grupoj, kaj la regionaj respondeculoj (kun *) havu respondecon pri la evoluo de la movado en la respektivaj regionoj.

1) Orient-Azio: Ĉinio*, Japanio*, Koreio*, Mongolio, azia parto de Rusio

2) Sudorient-Azio: Vjetnamio*, Indonezio, Filipinoj, Tajlando, Kamboĝo, Singapuro, Malajzio ktp.

3) Sudmez-Azio: Barato*, Nepalo*, Bangladeŝo, Srilanko

4) Okcident-Azio: Irano*, Afganio, Pakistano*, Taĝikio*, Uzbekio, Turkio, Israelo

*Pri Israelo: Hori proponis, ke Israelo estu sendependa pro sia politika situacio, sed ĉiuj ĉeestantoj unuanime decidis, ke ĝi apartenu al Okcident-Azio. Esperanto celas rompi murojn inter gentoj kaj religioj, do ni deziras, ke esperantistoj en ĉiuj landoj laboru harmonie por tiu celo, malgraŭ la malfacila situacio en sia regiono.

**(6) Ĉi-jaraj Precipaj Subtenoj al jenaj landoj**

Subaj aferoj estis proponitaj de Hori, sed ni ne atingis la konkludon. Ni

nur interŝanĝis informojn kaj diskutis. Precipe pri la vortaro de Nepalo estis diskuto ne inter KAEM-anoj sed inter nepalanoj, do ni diskutos pri ĝi, kiam la afero en Nepalo solviĝos.

1) Filipinoj: se ni ne plu subtenos ĝin, la movado malaperos. Sendu s-ron Bharat Ghimire (Nepalo) denove al Filipinoj.
2) Indonezio: subtenu Hazairin, oficiale agnoskitan ĉiĉeronon de Esperanto, per la subvencio al lia vortaro kaj organizo de karavano al Indonezio.
3) Srilanko: okazigu la Komunan Seminarion inter Barato, Srilanko, Bangladeŝo kaj Nepalo, kaj kuraĝigu la srilankan kaj bangladeŝan movadojn.
4) Nepalo: vortaro

**(7) Aliaj**

1) Plimultigu mondonacon al Fondaĵo Azio.

   Ĝis nun nur japanoj, koreoj kaj tre malmultaj ĉinoj mondonacis, sed nun ĉinoj pli kaj pli riĉiĝas, do ankaŭ ili donacu. Kaj ankaŭ Israelo ktp.

2) Proponu al UEA buĝeton pri Azio laŭ nia propono.

   Ĝis nun UEA faris nian buĝeton kaj ni nur uzis. Sed ĉi-jare laŭ nia agadplano ni postulu la buĝeton.

3) Mondonaco de Redaktokomitato de "Komuna Historio"

   Lastan someron Redaktokomitato de Lernolibro de Komuna Historio de Ĉinio, Japanio kaj Koreio eldonis libron "Historio por Malfermi Estontecon" kaj profitis. La komitato donacis 1000 eŭrojn al KAEM, kaj ni decidis uzi tiun sumon kiel la sendkoston por ekspedi librojn kolektotajn en Ĉinio, Japanio kaj Koreio al progresantaj landoj.

**Konklude:**

1. Ju pli multe da KAEM-anoj, des pli estas malfacile atingi la kvorumon, sed en ĉi-kunsido estis ses KAEM-anoj kaj unu anstataŭanto el 9 KAEM-anoj. Unuan fojon ni povis havi vere oficialan kunsidon kaj decidis nian agadplanon konkrete. Tio estas tre ĝojinda afero kaj montris la progreson de nia movado.
2. Ni akceptis Israelon kiel la 10an membron. Ni komprenas, ke la situacio

ĉirkaŭ Israelo estas malfacila, sed la celo de Esperanto estas harmoniigo inter malamikaj grupoj, kaj nur esperantistoj povos plenumi tion desube. Do ni vere deziras, ke trans la politikaj muroj esperantistoj en tiu regiono klopodu akiri harmonion.

3. Ni dividis Azion en kvar regionojn, kaj KAEM-anoj en la respektivaj regionoj gvidu la movadon tie. Ni deziras, ke ĉiuj KAEM-anoj laboru diligente en sia regiono.
4. En la kunsido la unuan fojon ĉeestis srilanka kaj bangladeŝa (kaj eble mongola?) reprezentantoj. Ŝajnas, ke la novaj lumoj aperis. Estas bedaŭra afero, ke pakistana reprezentanto ne ĉeestis pro la ne-amika rilato inter Barato kaj Pakistano. Nia celo estas disrompi tian situacion.
5. Novaj KAEM-anoj ĵuris sian sinceran laboron por la movado kaj fotis kune. Ni estas certaj, ke niaj amikeco kaj solidareco naskos la novan epokon en la tuta Azio.

# Protokolo pri Azia Agado

(la 14an de februaro 2008 dum la 5a AK)

(1) Novaj KAEM-anoj estis aprobitaj inkludinte la membrigon de Israelo.

(2) "Divido de la taskoj" estis aprobita, inkludinte la nuligon de eldono de "Gvidlibro".

(3) Mongolio estis aprobita kiel la kongreslando de la 6a Azia Kongreso. Estis iom diskutate, en kiu monato okazigi ĝin, rilate al la agrableco, sed oni konkludis, ke junio estos la plej taŭga monato por la Kongreso. Detalojn ni diskutos poste.

(4) "Laŭjaraj Esperanto-aranĝoj en Azio" estis akceptita: Detalojn ni aperigos en nia organo.

(5) "Divido de Azio en kvar regionojn" estis aprobita, inkludinte la apartenon de Israelo al "Okcident-Azio".

(6) "Ĉi-jaraj precipaj subtenoj" ne estis diskutata konkrete.

(7) "Aliaj" ne estis diskutata konkrete.

**Raportis kaj opiniis jenaj homoj:**

1. S-ro Bharat Ghimire (Nepalo) pri sia instruvojaĝo al Filipinoj

2. S-ro Zeiter Perera pri la srilanka movado
3. S-ro Ranganayakulu pri la barata movado
4. S-ro SHUKUROV Firdaus pri la taĝika movado kaj la ebla okazigo de la Kongreso en Okicidenta Azio
5. S-ro Muhammad Mahbubul HUQ pri la bangladeŝa movado kaj la bona ŝanco en sia lando pri Esperanto pro la ekzisto de batalo por lingvaj rajtoj
6. s-ro Enkhee (Mongolio) pri la movado kaj historio de la mongola asocio kaj la eldono de Esperanto-vortaro helpe de Oomoto
7. S-ro So Gilsu (Koreio) pri aperigo de retadresoj en la kongresa libro kaj pliriĉigo de komencantaj kursoj dum la AK

## Kongresa Rezolucio de la 5a Azia Kongreso de Esperanto

11-15 februaro 2008, Bengaluro, Barato

La 5a Azia Kongreso de Esperanto, kiu okazis de la 11a ĝis la 15a de februaro 2008 en Bengaluro, Barato, kun 178 partoprenantoj (254 aliĝintoj) el 29 landoj, diskutis la temon "Esperanto en Multlingva Azio", kaj

• notinte la tre malsamajn historiojn kaj aktualajn statojn de la Esperanto-movado en aziaj landoj;

• rimarkinte la ekkreskon de Esperanto en aziaj landoj, malgraŭ foje ege malfacilaj kondiĉoj;

• resuminte la jamajn iniciatojn de individuaj esperantistoj, landaj asocioj, KAEM kaj UEA; kaj

• konstatinte la daŭran validecon de la lingvo Esperanto en multlingva Azio rezolucias

• antaŭenigi Esperanton tra la tuta regiono, aparte en la landoj, kie la movado ankoraŭ estas malforta;

• plifortigi la kunlaboradon inter la landaj asocioj; kaj

• disvastigi informon pri Esperanto dum tiu ĉi "Internacia jaro de lingvoj" kiel justa kaj demokratia komunikilo por multlingva Azio.

# Saluto de la nova prezidanto de KAEM

## LEE Jung-kee

(en la Fermo, la 15-an de februaro 2008)



Estimataj kongresanoj el Azio kaj gastoj el neaziaj landoj, vi, karaj gastoj riĉigis la programon de la kongreso kaj donis internacian etoson en la kongreson. Koran dankon.

Kun honoro mi staras antaŭ vi kiel nove elektita prezidanto de KAEM. Antaŭ ĉio mi kore dankas al nia estimata prezidinto s-ro Hori Jasuo, kiu sindediĉis dum 6 jaroj por nia movado en Azio. Kun aplaŭdo ni esprimu dankon kaj respekton al li. Dank' al lia kompetenta gvido, la sistemo de KAEM plene stabiliĝis. Kvankam mi estas malpli kapabla ol li, mi faros mian plejon por azia movado dum mia prezidanteco.

Mi pensas, ke en la tuta Esperantujo la rolo de la azia kontinento estas grava kaj influhava pro ĝia popolnombro, ekonomia forto kaj teritoria grandeco. Pro tio, la tasko de aziaj esperantistoj estas peza.

Kvankam nia amata lingvo Esperanto naskiĝis en Eŭropo, por ke ĝi estu vere internacia lingvo, ĝi devas esti plenflorigita aparte en Azio. Honeste dirite, mi vidas, ke Esperanto ne estas tiel facile lernebla lingvo por esperantistoj en Azio, kiel por esperantistoj en Eŭropo. Malgraŭ tio, se Esperanto plenfloros sukcese en Azio, oni taksos, ke Esperanto estas vere vivanta internacia lingvo.

Por atingi tiun ĉi celon, ni, aziaj esperantistoj, devas klopodi kaj kunlabori. Estas notinde, ke en la jaro 2007 Japanio estis la lando kun la plej multaj individuaj membroj de UEA. Ĝia nombro estis 859. Kun aplaŭdo ni gratulu la atingon de la japana esperantistaro. Tio estas unu el tiuj esperigaj fenomenoj en Azio.

Kaj alia notinda afero estas, ke jam naskiĝis multaj internaciaj eventoj en Azio: Internacia Himalaja Renkontiĝo en Nepalo, Zaozhuang-a Internacia Festivalo en Ĉinio, Internacia Kurskunveno inter Japanio kaj

Koreio, Komuna Seminario inter ĉina, japana kaj korea junularoj, Transjara Kurskunveno de Esperanto-Populariga Asocio de Oomoto kaj Internacia Esperanto-Renkontĝo de Ŭonbulismo. Krome, ni vidas, ke aziaj esperantistoj amike kunlaboras kun solidareco surbaze de komuna kulturo.

Estimataj gekongresanoj. Dum mia prezidanteco mi volas realigi nian deziron. Jen mi volas prezenti unu sloganon por la azia movado. Tio estas "Ni vigligu fakajn movadojn!". Inter junuloj, inter artistoj, inter kuracistoj, inter komercistoj, inter religianoj, inter instruistoj, inter muzikistoj, inter skajpanoj kaj radio-amatoroj, inter montamantoj de Azio devas esti kontaktoj kaj renkontiĝoj pere de Esperanto.

Mi firme kredas, ke se tiuj fakaj movadoj sukcese realiĝos, tutazia movado certe prosperos. Nature, en la azia kongreso abunde okazos renkontiĝoj de fakaj organizoj. Kompreneble, tiu ĉi iniciato ne tuj realiĝos sed mi puŝos antaŭen senlace kunlabore kun gvidantoj de fakaj movadoj. Mi dediĉos mian oficperiodon por realigi tiun ĉi celon.

Profitante hodiaŭan saluton, mi aparte kore dankas al ĉiuj samideanoj, kiuj silente kaj kaŝe sindediĉas por nia movado. Pro la ekzisto de tiuj fervoraj Zamenhofidoj nia lingvo pli progresos kaj finfine ni venkos.

Estimataj gekongresanoj, ni disiĝos hodiaŭ sed mi petas de vi, ke vi diskonigu kaj transdonu hodiaŭan sukcesan kaj enhavriĉan kongreson al niaj geamikoj, kiuj ne povis partopreni en tiu ĉi kongreso.



Fine, nome de ĉiuj kongresanoj, nome de KAEM mi kore dankas al LKK-anoj, kiuj aranĝis tiun ĉi kongreson sukcese kaj perfekte. Sukceson kaj prosperon mi preĝas por la movado en Barato.

Ĝis revido en la 6-a Azia Kongreso en Mongolio en la jaro 2010. Koran dankon.

## Deklaro de Universala Esperanto-Asocio

La Internacia Tago de la Gepatra Lingvo akiras aldonan signifon en tiu ĉi jaro, kiun la Ĝenerala Asembleo de Unuiĝintaj Nacioj jam deklaris Internacia Jaro de Lingvoj. Kiel s-ro Koichiro Matsuura, la Ĝenerala Direktoro de Unesko rimarkas, "en la daŭro de kelkaj generacioj, pli ol 50% el la 7000 lingvoj parolataj en la mondo povos malaperi". Nun estas uzata malpli ol kvarono el ili en lernejoj kaj ciberspaco, kaj la plimulton oni uzas nur sporade. Miloj da lingvoj malgraŭ tio, ke ĉiu estas regata de homgrupo, kiu ĝin uzas kiel ĉiutagan komunikilon, forestas el la eduksistemoj, komunikaj rimedoj, eldona industrio kaj ĝenerale el la publika sfero. Universala Esperanto-Asocio konsentas, ke alfrontas la homaron baldaŭa katastrofa kultura malriĉigo.

Tiu ĉi perdo de la lingva diverseco (kiu okazas multe pli rapide ol la perdo de la biologia diverseco), jam faras seriozajn defiojn al internaciaj iniciatoj kiel Edukado Por Ĉiuj (EPĈ) kaj la Jarmilaj Evoluigaj Celoj aprobitaj de Unuiĝintaj Nacioj en 2000. Per la ses celoj de EPĈ, oni volas plenumi ĝis 2015 la lernado-bezonojn de ĉiuj infanoj, gejunuloj kaj plenkreskuloj:

Celo 1: Plivastigi la prizorgadon kaj edukadon dum la frua infanaĝo;
Celo 2: Disponigi senpagan kaj devigan elementan edukadon al ĉiuj;
Celo 3: Antaŭenigi lernadon kaj vivlertojn por junuloj kaj plenkreskuloj;
Celo 4: Pligrandigi je 50% la alfabetecon inter plenkreskuloj;
Celo 5: Atingi ĝis 2005 seksan samnombrecon kaj ĝis 2015 seksan egalecon en edukado;
Celo 6: Plibonigi la kvaliton de la edukado.

Universala Esperanto-Asocio kredas, ke la plifortigado de la gepatra lingvo ludas esencan rolon por ĉiu el la ses celoj de EPĈ. Ni tute konsentas kun Unesko, ke ni devas evoluigi kaj realigi "lingvopolitikojn ebligantajn al ĉiu lingvokomunumo la uzon de ties gepatra lingvo kiel eble plej vaste kaj ofte, ankaŭ en la edukado, apud la rego de iu nacia aŭ regiona lingvo kaj iu internacia lingvo."

Kiel tutmonda komunumo, kiu dum pli ol jarcento jam montras

vivantan ekzemplon de efika, interkultura komunikado, Universala Esperanto-Asocio

- bonvenigas la atenton de la internacia komunumo al lingvaj defioj;
- reasertas sian firman ligon al la bezono de gepatralingve bazita altnivela plurlingvismo;
- kaj invitas la internacian komunumon studi la meritojn de Esperanto kiel long-perspektiva, plutenebla solvo.

# Nepalo

## "Esperanto kaj Gepatraj Lingvoj" en Kathmando

Bharat Ghimire <nespa_bharat@hotmail.com>

Okazis programo de interesaj prelegoj ĉe Valley Educational Centre en Bagbazar, Kathmand, la 15-an de marto. La ĉefa temo estis "Esperanto kaj Gepatraj Lingvoj". La programo komenciĝis je la 8-a horo kaj daŭris ĝis la 10-a. Mi, s-ino Indu Thapaliya, s-ro Mukunda "Pathik", s-ro Jakob Nordfalk kaj s-ro Shree Prasad Pokharel prelegis pri diversaj aspektoj de Esperanto. Partoprenis 33 profesoroj, studentoj kaj bankoficistoj.

Unue, s-ino Indu prelegis pri la naskiĝo de Esperanto kaj la azia movado. Jakob sekvis ŝin, parolante pri la utileco de nia lingvo, ekzemple kiel ŝlosilo al Pasporta Servo. Li klarigis ankaŭ kiel Esperanto helpas lerni aliajn lingvojn. Ĉe la fino de sia prelego Jakob montris mesaĝon pri Esperanto skribitan en la nepala lingvo sur la dorso de sia T-ĉemizo.

Mi mem penis pritrakti lingvojn historie ekde la antikva periodo de Grekujo. Mi citis libron de Umberto Eco, "Search for the Perfect Language." (Mi dankas al gesinjoroj Vilĉjo kaj Lusi Harmon, kiuj donacis tiun multekostan libron al mi.) Mi parolis ankaŭ pri kelkaj modernaj teorioj de lingvistoj, ekzemple Ferdinand de Saussure, kiu atentigis, ke vortoj kaj objektoj ne havas naturan rilaton, kaj ke sekve ne ekzistas proprasence natura lingvo. Ĉiuj gepatraj lingvoj estas kreitaj de homoj. Esperanto estas pli facila ol aliaj lingvoj pro tio, ke ĝi estas pli logika. Esperanto ne plu

estas vere artefarita lingvo, ĉar ĝi estas uzata nun pli ol 100 jarojn (do nun kiel la gepatra lingvoj) de multaj homoj. Kaj mi provis klarigi, surbaze de teorio de Benjamin Lee Whorf ("linguistic relativity"), ke la lingvo spegulas la penson, kaj ke tiu ĉi do pli gravas.

Poste rakontis s-ro Mukunda "Pathik" la historion de la Esperanto-movado en Nepalo. Li emocie priskribis kiamaniere li renkontis instruiston de Esperanto, s-ron Joakim Werdin, kiu instruis Esperanton en lia lingva instituto Quest, kies direktoro li estis. Li plue klarigis kiel utiligi la lingvon.

Lin sekvis s-ro Shree Prasad Pokharel. Li diris, ke Esperanto donas ŝancon al individuoj utiligi siajn talentojn. Ĝi do forte aktivigas la cerbon. Li ankaŭ rakontis pri sia vojaĝo al Japanio.

Post la prelegoj ĉiuj volis lerni la lingvon, kaj mi planas instrui ilin ekde la venonta sabato kun helpo de aliaj geamikoj. Ni planas disdoni materialojn al tiuj, kiuj ne povas pagi, uzante monon de Apsana-Fondaĵo, kiun ni kolektis per vendado de memoraĵoj dum la Azia Kongreso en Bengaluro.

Ni dankas al s-ro Biswambar Ghimire, kiu disponis al ni ĉambron por la prelegoj kaj promesis, ke ni rajtos uzi ĝin por la instruado.

## Srilanko jam ne estas izolita

Zeiter Perera, Prezidanto de Srilanka Esperanto-Asocio,
zeiter.espero@gmail.com



Saluton, mi partoprenis en la Azia Kongreso la unuan fojon en mia Esperanta vivo. Ĝi estis tre bona evento kaj mi tre plezuriĝis. Ĝis mi ricevis invitilon de s-ro Hori pri mia partopreno en la AK, mi neniam pensis pri tio. En novembro s-ro V. Reddy el Barato vizitis

mian domon en Srilanko kaj li kuraĝigis min partopreni en ĝi. Kvankam mi havis multajn malfacilaĵojn, mi decidis partopreni kun aliaj membroj de Srilanka Esperanto-Asocio, nome sekretario s-ro Gajan Fernando kaj lia edzino.

La 11an de februaro mi flugis al Tirucirapali en Barato kaj veturadis per aŭtobuso al Bengaluro. Tio estis tranokta veturado, do mi devis atendi la Inaŭguron tiumatene, mi estis tre laca, sed mi ŝanĝis al mi bonan veston. Antaŭ ĉio mi povis renkonti s-ron Hori kaj li bonvenigis min kore. Mi estis iom tima, ĉar mi ne parolis en Esperanto antaŭe. Sed mi kuraĝigis mian koron.

Mi estis feliĉa, kaj dank' al Dio, mi povis paroli en la Inaŭguro pri srilanka movado. Ĉiuj partoprenantoj aplaŭdis, sciante, ke Esperanto estas vivanta en tiu izolita kaj malriĉa lando. Mi povis konvinki ilin, ke Esperanto estas rimedo al multlingva hazardo en Srilanko. En tiu matena sesio ni povis lerni pri la movadoj en Japanio, Ĉinio, Koreio kaj aliaj landoj en Azio. Tio estis tre bonvena al ni, ĉar ni sciis, kiel esperantistoj agas en Azio. Ĉiuj sesioj estis riĉaj pro kulturaj aferoj. Japanoj prezentis multe da iliaj kulturaj aferoj. Barata danco en Nacia Vespero estis spektakla. La duontaga ekskurso estis ankaŭ tre interesa.

Mi povis renkonti multajn aktivulojn de Japanio, Koreio, Ĉinio, Nepalo kaj Barato. Mi volas daŭrigi nian amikecon kun ili. Ni povis interŝanĝi memoraĵojn kaj mi pensas, ke la srilanka movado ne estas izolita, ne plu. Ĉiuj volas, ke esperantistoj multiĝu kaj Esperanto disvastiĝu en Srilanko.

Mi prenas tiun momenton por gratuli nian novan prezidanton s-ron LEE Jung-kee, kiu estas juna, aktiva kaj agema, kaj li povas direkti la azian movadon al la pleja maksimo. Fine mi volas proponi, ke sudazianoj, nome SAARC-landanoj, havu kongreson aparte, ĉar ni bezonas renkonti multe, por la diskuto de praktikaj problemoj, kaj interkomprenigi esperantistojn de niaj landoj. Ni bezonas plu da renkontiĝoj.

# Raporto de Unua Estrara Kunsido de PakEsA

